# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO VI. SOFIA — BULGARIO
JULIO — SEPTEMBRO 1962, № 4—5

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOICO (TEĴA)


## AL NOVAJ SUKCESOJ DE NIA T.E.Ĵ.A. — LABORO

### La jarkunveno de T. E. Ĵ. A. en Kopenhago

Danlando-patrujo de la pacama kaj laborema dana popolo estas la plej malgranda lando de Skandinavio. Ĝi konsistas el la duoninsulo Jyland (Jutlando) kaj multaj aliaj malpligrandaj insuloj kaj insuletoj. En ĝia tre interesa kaj bela ĉefurbo-Kopenhago-okazis ĉi jare la 47-a Universala Kongreso de Esperanto. La kongresurbo situas en Sjaelland (Selando), la plej granda dana insulo, kaj havas pli ol unu milionon de loĝantoj.

En unu el la salonoj de la kongresejo, en la kadroj de la fruktodona Universala Kongreso, vizitita de ĉirkaŭ 1600 esperantistoj de kvardek landoj, okazis ankaŭ nia jarkunveno. Inter la diversaj kongresaj programeroj — ĝeneralajkunvenoj, kunsidoj, ekskursoj, amuzrenkontiĝoj ktp., la ĵurnalistoj-esperantistoj trovis tempon por partopreni ankaŭ la jaran renkonton de la Teĵanoj.

Jen la tagordo de la kunveno de TEĴA:

1) Raporto de la prezidanto de TEĴA pri la ĝisnuna agado de la Estraro kaj de la Asocio;

2) Raporto de la ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" pri la stato kaj la redaktado de la gazeto;

3) Proponoj pri la estonta agado de TEĴA;

4) Diskutoj kaj akcepto de decidoj por laboro.

#### Al novaj venkoj

Nia ŝatata prezidanto Olav Thormodsen malfermis la kunvenon per konvenaj bonvenigaj vortoj kaj bondeziro por sukcesplena laboro de la kunveno. Li avertis la ĉeestantojn, ke en lia raporto oni ne parolos pri la celoj kaj la taskoj de TEĴA, ĉar ili estas bone konataj al la Teĵanoj. La raporto tuŝos demandojn pri la organiza stato kaj la laboro de la asocia estraro por efektivigo de la noblaj celoj de nia Asocio.

En la nuntempa mondo okazas gravaj internaciaj eventoj — komencis la prezidanto. — La respegulantoj de tiuj eventoj, eĉ en certa grado — iliaj provokantoj estas ni-la ĵurnalistoj, la homoj kiuj ne nur respegulas la opiniojn kaj la sopirojn de la homoj, sed, posedante en siaj manoj la potencan rimedon — la preson, la gezetaron, ni formas la socian opinion laŭ niaj komprenoj. Krom tio, per nia ĵurnalista agado, ni kontribuas por la efektivigo de la celoj de UNO, de UNESKO, de la Universala Esperanto-Asocio, celantaj la proksimiĝon kaj la amikiĝon de la popoloj en la tuta mondo, senkonsidere de iliaj nacieco, raso, religio kaj kulturo, por la titmonda paco.

Ankaŭ ĉi jare la Estraro de TEĴA daŭrigis sian laboron por la plua stabiligo kaj pliviglig o de nia Asocio kaj ĝiaj sekcioj grupoj kaj unuopaj membroj. Kaj ni devas raporti, ke en tiu rilato ni havas novajn sukcesojn. Nia membraro plimultiĝis. La interĵurnalista kunlaboro plilarĝiĝis. Plivastiĝis la reto de niaj filioj kaj reprezentantoj. La Estraro estis en konstanta kontakto kun siaj naciaj grupoj kaj reprezentantoj. La Estranoj kontaktiĝis inter si per cirkuleraj leteroj kaj ĉiujn problemojn pridiskutis kaj de-

cidis kolektive. Tiel la prezidanto, kiel ankaŭ la vicprezidanto Niilo Kavenius ĉiam interesiĝis pri la kurantaj kaj plenumataj aferoj. Kvankam okupita per oficaj kaj poresperantaj laboroj, bone gvidis sian fakon ankaŭ la sekretario-kasisto Dino Fabris. Li akurate plenumis siajn devojn, regule respondis al la leteroj de la membroj.

Nia agado estis direktita al la plibonigo kaj plilarĝigo de la kunlaborado inter la asociaj grupoj kaj membroj. Kaj en tiu rilato estas atingitaj relative bonaj rezultoj. Multaj membroj de TEĴA interŝanĝis gazetmaterialojn, ekskursis eksterlande kaj vizitis siajn kolegojn, helpis sin reciproke. Laŭ sciigoj de nia sekretario-kasisto Fabris, nun en la Asocio membras 277 Teĵanoj.

La prezidanto tamen akcentis en sia raporto iujn mankojn en nia laboro. Ni ankoraŭ ne altiris al la Asocio ĉiujn ĵurnalistojn-esperantistojn. Eble iuj ankoraŭ scias nenion pri nia Asocio. Ne ĉiuj membroj sendis enketilojn al la sekretario. Iuj ne pagas sian membrokotizon regule kaj tio malhelpas nian organizan laboron kaj la eldonon de „Internacia Ĵurnalisto". Ne en ĉiuj landoj estas reprezentantoj de TEĴA. Nesufiĉa estas la kunlaborado de la membroj al nia organo, kies redaktoro luktas brave por forigi la malfacilaĵojn kaj akiri kunlaborantojn.

Nia devo estas-daŭrigis la raportinto-streĉi la fortojn tiel al la estraranoj, kiel aukaŭ al ĉiuj membroj, por venki la malfacilaĵojn kaj plibonigi nian komunan laboron. Nur tiel ni povus stabiligi la Asocion kaj efektivigi la starigitajn taskojn. Gravaj niaj taskoj estas plilarĝigi nian interĵurnalistan kunlaboradon, konigi al la ĵurnalistoj kaj al la vasta esperantista publiko niajn celojn. Krom tio ni devas aktive partopreni kiel reprezentantoj de TEĴA kaj persone en la agado de la enlandaj ĵurnalistaj unuiĝoj kaj grupoj, en la komitatoj pri UNO, UNESKO k. a. Ni fariĝu membroj de Universala Esperanto-Asocio, agemaj kunlaborantoj de CED kaj de la Informa Fako de UEA. Tiamaniere ni sukcesplene agitos por nia afero, ni gajnos novajn membrojn kaj amikojn de TEĴA inter la esperantistoj kaj ne esperantistoj en la mondo.

En la fino de sia raporto s-ano Thormodsen diris, ke venontjare la 48-a Universala Esperanto-Kongreso okazos en la gastama lando Bulgario, en ĝia belega ĉefurbo Sofio, kie la Esperanto-movado estas vigla kaj prosperas. Tie estas la plimulto de la membraro de TEĴA. Ni esperas, ke la Universala Kongreso estos unu el la plej brilaj kaj nia venontjara ĝenerala kunveno de TEĴA plej bone vizitita kaj ĝia laboro-plej frukto dona. Do ni preparu nin ek de nun por tiu bonega ĵurnalista renkonto.

## Nia organo „Internacia Ĵurnalisto"

En sia raporto pri „Internacia Ĵurnalisto" ĝia redaktoro Ivan Keremidĉiev Esperov diris, ke nia organo antaŭnelonge jubileis sian jarkvinon. Forpasis kvin jaroj ek de la apero de ĝia unua numero. Multajn malfacilaĵojn ĝi devis trapasi-plejparte materialajn-financajn kaj organizajn ktp. Sed jam, dank' al la zorgoj de la Estraro de TEĴA kaj al la sindonaj klopodoj de ĝiaj redaktoroj kaj ties helpantoj, „Internacia Ĵurnalisto" stabiliĝis kaj regule aperas. Ĝi fariĝis vera presorgano de la tutmonda esperantista ĵurnalistaro, aktiva organizilo kaj propagandilo de TEĴA, kontribuanta ankaŭ por la sukceso de la Esperanto-movado.

Nenia organizaĵo povas ekzisti kaj efike labori sen sia presorgano. Sen „Internacia Ĵurnalisto" la sukcesoj-organizaj, propagandaj, kulturklerigaj-estus dubindaj. Nia organo helpas la Asocion en la varbado de novaj membroj, en la propagando de ĝiaj ideoj kaj taskoj, en la organizado de la interĵurnalista kunlaborado-profesia kaj ĝenerala. Ĝi donas informojn pri la agado de la sekcioj, grupoj kaj de la individuaj membroj de TEĴA, ŝanĝas ilian sperton.

„Int. Ĵ-sto" plibonigas sian aspekton, pliriĉigas sian enhavon. Krom la redaktoroj, por tio kontribuas ankaŭ kelkaj asociaj membroj, regule kunlaborantaj al ĝi per informoj, artikoloj k. a. Inter ili oni menciis la nomon de la vicprezidanto Kavenius-el Finnlando, A. Zednik el Ĉeĥoslovakio, N. F. Danovskij-el USSR. Liveras materialojn ankaŭ la prezidanto Thormodsen, la sekretario Fabris. La redaktoro esprimis sian dankon al ili. Plue la raportinto parolis pri la ankoraŭ ekzistantaj malfacilaĵoj-kaj precipe financaj, kiujn oni devas venki. La kvanto de la asocia membraro vere kreskas, sed ĝi ankoraŭ estas nesufiĉa helpi per sia membrokotizo finance la organon. Estas mirinda afero ĉe ni?! Kaj certe nur ĉe Teĵanoj. „Internacia Ĵurnalisto" aperas sen abonpagado. Nia organo estas dissendata al ĉiuj membroj tute senpage, donace. Kiu alia esperantista gazeto estas donata donace? La membrokotizo ne sufiĉas por organizaj elspezoj kaj por eldono de la organo. Ja la membrokotizo estas pojare nur unu dolaro aŭ la egalvaloro en aliaj naciaj monunuoj. La ricevitaj kotizoj kovras

nur la poŝtelspezojn por la ekspedo de la organo. Kompreneble la redakcio batalas por forigi tiun embarason. Oni laboras senpage, trovas paperon kaj aliajn presnecesaĵojn senpage, kolektas kotizojn kaj fondaĵon por tiu celo. Oni devas trovi ian solvon de tiu problemo. Sed unue estas necesa la regula pagado de la membrokotizo, kaj due-la pliriĉigo de la fondaĵon de „I. Ĵ."

La dua demando estas-pliriĉigi la enhavon, plibonigi la aspekton de la organo . . Sed ĉiuj Teĵanoj estas ĵurnalistoj kaj scias, ke nur la redaktoroj de iu ajn gazeto ne povas plenumi tiun taskon. Do, tiurilate estas necesa la aktiva apogo kaj kunlaborado de ĉiuj niaj membroj. Certe estus necesa nomi aŭ ŝarĝi certajn kolegojn en la diversaj landoj kiel konstantajn korespondantojn de la organo.

Plue la raportinto parolis pri iuj mankoj en la redaktado kaj ekspedado de „Int.Ĵurnalisto": allaso de preseraroj, malĝustaj adresoj. Por forigi la unuan mankon la redakcio prenas iujn rimedojn. Sed por la neniigo de la dua estas necesa la helpo de la sekretario kaj de ĉiuj kolegoj kiuj povas, konstatinte erarojn en la adresoj de la membroj, averti la redakcion kaj sendi al ĝi la precizajn adresojn.

Por variigi la enhavon de la organo ankaŭ estas necesa la helpo de ĉiuj estraranoj kaj membroj. Al la redakcio estas necesaj materialoj-informoj, rapartaĵoj, artikoloj, fotoj ktp. Ĉiuj membroj havu kiel sian gravan taskon liveri al la redakcio abundajn materialojn. La redakcio de sia flanko mendos ĵurnalistajn materialojn al diversaj kolegoj. Por la plibonigo de la organo estas necesa ne nur la regula kunlaborado de la membraro, sed ankaŭ ties proponoj kaj sugestoj tiurilate.

## Al pli aktiva laboro

Post la raportoj okazis diskutoj pri la ĝisnuna agado kaj la estonta laboro de la Estraro kaj de TEĴA Unuanime oni konstatis la pliviglîĝon de la asocia aktiveco. Tuŝinte la demandon pri speciala abonkotizo por „Internacia Ĵurnalisto" nia kolego Nikola Aleksiev el Bulgario eldiris la opinion, ke ne estas bezonata tia kotizo. Sed tamen por kolekti pli da mono por la eldonado de la organo estas necese unue-kolekti regule la membrokotizon kaj due-pliriĉigi la fondaĵon „Int. Ĵurnalisto". La membroj de TEĴA devas esti pli malavaraj kaj ĉu individue, ĉu kolektive, oni subtenu la fondaĵon. Aleksiev parolis ankaŭ pri la tasko altiri al nia Asocio ĉiujn ĵurnalistojn kiel membrojn, altiri kiel kunlaborantojn de la organo ankaŭ ĵurnalistojn-neesperantistojn, kiuj povas sur la paĝoj de „Int. Ĵurn." pritrakti gravajn ĵurnalistajn problemojn. La redakcio povas traduki kaj aperigi interesajn ĵurnalistajn materialojn el nacilingvaj gazetoj, kies aŭtoroj ne estas esperantistoj, sed tuŝas profesiajn demandojn.. Tiamaniere ni propagandos nian aferon kaj varbos novajn adeptojn kaj membrojn. Similajn proponojn faris ankaŭ N. Nikolov el Sofia kaj aliaj ĉeestantoj.

En la diskutoj partoprenis ankaŭ la ŝatata redaktorino de nia elstara tutmonda gazeto „Heroldo de Esperanto" s-ino Ada Fighiera Sikorska. Ŝi salutis la ĉeestantajn Teĵanojn en la nomo de „Heroldo". „Multaj ĵurnalistoj-esperantistoj en la mondo certe ankoraŭ scias nenion pri Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio-diris s-ino Sikorska. — Ili ne konas ties celojn kaj taskojn. Tial estas necesa per speciala cirkulero, adresita al ĉiuj Esperanto-gazetoj, al ĉiuj ĵurnalistoj-esperantistoj, ke la Estraro de TEĴA klarigu iin al ĉiuj, interesigu kaj altiru al TEĴA la ĵurnalistojn."

La redaktorino de „Heroldo de Esperanto" promesis subteni TEĴA kaj ĝian Estraron tiurilate per sia gazeto.

Post la eldiroj la ĉeestantaj Teĵanoj akceptis unuanime la planon por la estonta laboro de TEĴA. Oni devigis la Estraron egagi pli celdirekte por la varbado de jurnalistoj-esperantistoj Tiucele ĝi sendu al ĉiuj ne membroj specialan cirkuleron. Oni ankaŭ instigu la membrojn regule pagi sian membrokotizon kaj elekti siajn landajn reprezentantojn. La Estraro estas devigita ankaŭ kontaktiĝi kun la internaciaj kaj la naciaj ĵurnalistaj unuiĝoj kaj proponoj al ili sian kunlaboradon; plibonigi kaj aktivigi la Gazetaran Servon kaj la Turisman Servon ĉe TEĴA; sendi konvenajn artikolojn kaj informojn al la esperantista kaj neesperantista gazetaro por diskonigi al la ĵurnalistaro la celojn kaj la taskojn de TEĴA; partopreni en la diversaj internaciaj kaj enlandaj manifestacioj de la profesiaj ĵurnalistaj unuiĝoj; helpi la enlandajn sekciojn, grupojn kaj unuopajn membrojn de TEĴA en la organizado de nia propagando pri TEĴA.

Oni devigis ankaŭ la redakcion de TEĴA plibonigi kaj pliriĉigi la enhavon de „Internacia Ĵurnalisto" kaj instigi la membraron pli sinofereme subteni la fondaĵon de la organo.

La prezidanto de TEĴA s-ano O. Thormodsen fermis la ĝeneralan jarkunvenon de la Asocio bondezirante sanon kaj viglan laboron de ĉiuj TEĴA-anoj dum la estonta agadperiodo. Li invitis ĉiujn membrojn partopreni la 48-an Universalan Kongreson de Esperanto, kiu evidente estos unu el la plej brilaj. Plej amasa kaj plej brila estos ankaŭ la jarkunveno de TEĴA en Sofia, Bulgario.

---

# LETERO AL MIAJ KOLEGOJ
## en Oriento kaj Okcidento

Ĵurnalistoj, kiuj konas Esperanton, estas centoj. Sed bedaŭrinde multaj el ili ne membras ankoraŭ en TEĴA. La plimulto el ili havas laborlokon en la redakcioj de diversaj gazetoj, radio kaj televidstacioj Multaj el ili ankaŭ estas aktivaj membioj en siaj Esperanto-societoj kaj kluboj.

Sed kioma estas la nombro de tiuj niaj kolegoj' kiuj aperigas per aŭ prisperantajn materialojn en sia gazetoj? Persone mi ne konas kolegojn, aktivajn esperantistojn, kiuj sukcesis organizi en siaj gazetoj Esperanto-rubrikojn, kiuj ofte per Esperanto liveras materialojn-tradukitajn k. a. por publikigo. Certe estas tiaj kolegoj.

Mi mem ne povas ofte publikigi en la gazeto, kie mi oficas, multe da esperantaĵoj. La ĉefo de la gazeto kaj iuj miaj kolegoj ne rilatas tre favore al Esperanto. Sed mi spertis dum pluraj jaroj, ke se mi trovas kaj proponas iujn nelongajn kaj interesajn per kaj pri esperantajn materialojn—informojn, novaĵojn, sciigojn ktp, ilia aperigado estas ebla, oni favore akceptas ilin. Tiajn materialojn mi aperigas ankaŭ en aliaj nacilingvaj gezetoj. Mi aperigas iam interesajn leterojn, artikolojn kaj informojn, ricevitajn pere de miaj kolegoj-Teĵanoj, kiujn mi tradukis el Esperanto.

Tia estas mia sperto. Tiel mi propagandas Esperanton inter miaj kolegoj. Nun mi dezirus demandi miajn eksterlandajn kolegojn, kion ili faras tiurilate? Se iuj havas pli bonan sperton kaj sukceson, ili bonvolu priskribi siajn spertojn sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto". Ĉu ankaŭ ili havas eblecon traduki el esperantaj gazetoj interesajn materialojn, kiajn oni trovas ekz. en „Nuntempa Bulgario", kies bildoj estas bone klitŝigeblaj? Ĉu iuj el la kolegoj gvidas ian Esperanto-rubrikon en sia gazeto kaj kiamaniere organizas la aferon, kiaj estas la ĝusnunaj rezultoj?

Kolegoj, priskribu vian sperton en nia organo „Int. Ĵurnalisto". La afero estas tre grava.

N. KAVENIUS

---

# GRAVA ANONCO POR KORESPONDEMULOJ KAJ ĴURNALISTOJ

**Jenaj gravaj tag-kaj semajn-ĵurnaloj publikigas senpage korespond-petojn de eksterlandanoj, rekte senditajn el fremlando al ĝiaj redakcioj**

1) — **L'UNITA, ROMA — (Italio)**

2) — **CORRIERE DEI PICCOLI, MILANO — (Italio)**

3) — **IL GIORNO (DEI RAGAZZI) Corrispondenza Internacionale, MILANO — (Italio)**

4) — **AFTONBLADET, „Ett ögonblick redaktörn", Vattugatan, 12, STOCKHOLM — (Svedio)**

**Bonvolu skribi la korespondpetojn en Esperanto kaj indiki viajn sekson, aĝon, lingvon (Esperanto aŭ aliaj) kaj dezira tan korespondtemon (eventuale ankaŭ viajn ŝatatajn okupojn, interesojn ktp)**

# NIA RAPORTAĴO

## SEP TAGOJN EN HUNGARIO



Familio Hilkersberger antaŭ la forveturo ĉe la stacidomo de Vieno

Je la 5-a de majo 1962 kune kun miaj edzino kaj filino mi ekvojaĝis al Budapeŝto por partopreni la 14-an Internacian fervojistan Esperanto-Kongreson. Alveninte la hungaran limstacion Hegyeshatom ni estis surprizitaj de la solenornamita stacidomo kun multaj esperantaj kaj hungaraj flagoj. Hungara fervojisto-esperantisto renkontis kaj akompanis nin ĝis Budapeŝto.

Alveninte la orientan stacidomon de la hungara ĉefurbo, ni estis renkontitaj kaj bonvenigitaj tutkore de hungaraj gekolegoj. Per aŭtobusoj ni ĉiuj eksterlandanoj estis kondukitaj al niaj hoteloj. Nia hotelo „Margitsziget", sutuanta sur la tre interesa danuba insulo „Margret", estis unu el la plej altrangaj. Post iometa refreŝiĝo ni iris al la urbo. La Kongresejo troviĝis en la Kultura domo de la konstrulaboristoj, proksime al la Honora Placo, la plej granda en la urbo. Enirinte la kongresan akceptejon nin ĉirkaŭis fortega zumado de la ĉeestanta kolegaro — 1051 esperantistoj el 20 landoj. Subite tie ĉi mi vidis ankaŭ mian malnovan amikon Ludoviko Korsos. Vidinte

### VOJAĜIMPRESOJ

nin, li elkore ĉirkaŭbrakis min kaj miajn familianojn. En 1947 li partoprenis la kongreson de la aŭs triaj fervojistoj-esperantistoj en Landeck, Tirol, kaj estis mia kara gasto. Dum ni interŝanĝis kun li rememorojn, al ni venis ankoraŭ multaj aliaj konatuloj-el Svedio, Francio k. a. Tiu ĉi interkona vespero en Budapeŝto estis por ni belega travivaĵo!

Agrablan rondvojaĝon tra la urbo ni faris la 6-an de majo dum kiu ni povis admiri la kulturtrezorejojn de Budapeŝto. Dank' al la gvidanto-hungara profesoro, ni eksciis interesajn momentojn de la historia kaj kultura evoluo de la popolo. La saman tagon ni veturis per la subtera fervojo-la unua en Eŭropo, finkonstruita en 1896 okaze de la miljara datreveno de Hungario.

La trian tagon ni vizitis la grandajn magezenojn sur Rakocistrato kaj posttagmeze-la hungaran Parlamenton, belega konstruaĵo apud la riverego Danubo. Neforgesebla konstruaĵo! La saman vesperon ni partoprenis la spektaklojn de la fervojistaj kulturgrupoj, kiuj montris sian altan altnivelon. La sekvanta tago okazis interesa ekskurso al Norda Hungario. Tie ni vizitis la grandan industrian urbon Miskolc. De tie per aŭtobusoj oni alkondukis nin en la montaran regionon, kie ni gastis al kelkaj vilaĝoj. La infanoj de tiuj vilaĝoj ĉie aspektis bonvestitaj kaj edukitaj.

Poste ni ekskursis en la Margret-insulo, kie troviĝas nia hotelo. Ĝi estas la plej vizitata ekskursloko en Budapeŝto, famekonata per sia historia pasinteco. Oni ankoraŭ povas vidi la restaĵojn de la ruinigitaj muroj de du monaĥejoj kaj pluraj preĝejoj. Sur la insulo troviĝas ankaŭ termbanejoj, grandaj sportludejoj kaj granda somer- operejo.

Sur la dekstra bordo de Danubo etendiĝas arbara montara regiono. Tie ĉi post 1948 oni konstruis la mallarĝrelan fervojon, kiun la registaro donacis al la junpioniroj. La junulara fervojo estas longa 12 klm kaj havas 4 stacidomojn kaj unu haltejon. 35—40 infanoj mem funkciigas ĝin de la 9-a ĝis la 17-a horo. En la cetera tempo deĵoras plenkreskuloj. Tie ĉi ni estis salutitaj de juna fervojisto-pioniro en bonega Esperanto.



Budapeŝto kun la rivero Danubo

La sesan tagon kun mia familio mi partoprenis la renkontiĝon de la Pac konsilantaro. Kiel membro de Mondpaca Esperanto-Movado (MEM) en Aŭstrio mi salutis la ĉeestantojn en la nomo da la aŭstriaj MEM-anoj.

Neforgesinda estas ankaŭ la ekskurso al la fama kaj belega lago Balaton. Tie ĉi, sur bordo de la la lago, en la hotelo „Tihany", post la tagmanĝo okazis la lasta kunsido de la 14-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso. La Ministro de la trafiko kaj poŝto — Stefano Kossa — bona esperantistodiris kelkajn salutvortojn al la kongresanaro. Al miaj familianoj persone li daris afable: „Ni devas uzi bone nian Esperanton, ĉar ĝi estas taŭga por interamikiĝo kaj interpaciĝo inter la popoloj!". Kaj li prevas. La ministro disdonis librojn donace al ĉiuj kongresdelegitoj. Estis interŝanĝ taj elkoraj ĉirkaŭbrakoj. Fine mi ricevis personan aŭtografon de la ministro sur unu bildkarto, reprezentanta la junularan fervojon, kun la kongresa poŝtmarko. La karton subskribis ankaŭ la eminenta hungara esperantisto Julio Baghy.

Dum la tuta restado en Hungario ni interkontaktis kun la bonega hungara popolo, de kiu ni ricevis plej belajn kaj amikajn impresojn. Sabate, la 12-an de majo, ni ekveturis hejmen, forportante kun ni neforgesindajn impresojn pri Hungario!

Alois HILKERSBERGER
Landeck, Tirol, Aŭstrio

---

# GRAVAJ SUKCESOJ

## „ESPERANTO-PRESS"

### INTERNACIA INFORMA SERVO POR LA TUTMONDA GAZETARO

**Nia** malnova svisa membro, D-ro Hj. UNGER el Zürich, Svislando, ĉefredaktoro de la germanlingva turista revuo „Welt auf Reisen" kaj prezidanto de la „Svisa Unuiĝo de la Ĵurnalistoj de Turismo", akribas al ni:

Multaj TEĴA-anoj jam delonge konas la bultenojn de tiu-ĉi informa servo, ĉar ili interrilatas kun ĝi kiel kunlaborantoj aŭ korespondantoj.

Mi fondis „Esperanto-Press" en la jaro 1917, do antaŭ 45 jaroj, kaj povas diri, ke ĝi daŭre bone funkcias. Mia ideo estis: krei informan agentejon laŭ modelo de la grandaj naciaj agentejoj (kiel ekz. „United Press", „Associated Press", „Tass", „Reuter" kaj „Agence France Presse") por pruvi, ke Esperanto estas taŭga kaj tre praktika instrumento ankaŭ por la internacia diskonigo de gazetaj informoj. Nature, ĉar ĝi estas privata entrepreno, „Esperanto-Press" ne povas grandskale labori kaj tial mi kutime dissendas nur unu bultenon monate. „Esperanto-Press" ankaŭ ne tuŝas politikajn aferojn, ĉar ĝi volas kaj devas esti neŭtrala pro la politika diverseco de ĝiaj korespondantoj. Kulturo, ekonomio, turismo — jen sufiĉe da nepolitika, tre interesa kaj tre valora materialo!

Unufoje tamen mi rompis tiun politikan neŭtralecon, kiam mi publikigis intervjuon kun la tiama ministro-prezidanto de Nederlando, D-ro Willem Drees, pri la „indonezia problemo" — kaj mi faris tion, ĉar li traktis tiun demandon en tute paciga maniero. Tiu artikolo havis grandan sukceson: 23 gazetoj en 16 landoj represis ĝin (en nacilingva traduko); ĉiuj gazetoj menciis „Esperanto-Press" kaj diris ankaŭ, ke la nederlanda ministro-prezidanto donis tiun intervjuon originale en Esperanto.

En la sfero de la internacia ĵurnalismo „Esperanto-Press" estas bone konata: ĝia nomo estas menciata en multaj profesiaj jarlibroj kaj adresaroj. Cetere, depost 1949 „Esperanto-Press" estas oficiale akceptita de la Eŭropa Oficejo de UNO en Ĝenevo, kiu rajtigis min (kiel ĉefredaktoron), ĉeesti la Ĝeneralajn Konferencojn de UNO, partopreni en la Kunsidoj de la Komitatoj kaj ricevi la ĵurnalistan dokumentaron oficiale eldonitan. Depost multaj jaroj „Esperanto-Press" ankaŭ kunlaboras kun UNESCO kaj disvastigas informojn pri ties kultura agado.

D-RO HJ. UNGER

# Ricevitaj esperantaĵoj

Unua oficiala bulteno — pri la 48-a Universala Esperanto-Kongreso en Sofio, 3–10 VIII 1963 kun informoj pri la lando kaj la ĉefurbo, belaj bildoj kaj aliaj notoj kaj sciigoj.

Universala Esperanto-Asocio — faldfolio kun informoj pri UEA.

Tokio 1965 — bulteno 4-paĝa kun informoj pri la 50-a Universala Kongreso de Esperanto en Japanio. Aldone ilustrita folio pri 50-a UK.

Hamburg — belege ilustrita 16-paĝa broŝuretoprospekto en Esperanto pri HAMBURG, la granda havenurbo de Germana Feder. Respubliko.

La nuna situacio kaj niaj taskoj — 46-paĝa libreto, entenanta paroladon de Maŭ Zedong. Eldono de Ĉina Esperanto — Ligo, Pekino, 1962.

Bonvenon al DANMARK kaj la danajunulargastejoj! — 4-paĝa ilustrita prospekto pri la junulargastejoj en Danlando.

The Strukture of Interlingua compared with Esperanto's strukture-informa faldfolio.

## EDMOND PRIVAT (1889—1962)

**La 22 an de aŭgusto j. k. mortis en Neuchatel, Svislando, unu el la plej eminentaj kaj elstaraj esperantistoj, honora prezidanto de Universala Esperanto-Asocio verkisto kaj poeto-profesoro d-ro Edmond Privat.**

**D-ro Edmond Privat estis talenta ĵurnalisto, esderantisto de 1903 j. brila oratoro pledanto por Esperanto en la Ligo de Nacio, aŭtoro de la unua biografio de Zamenhof kaj „Historio de Esperanto — 1887—1927" aŭtoro de pluraj verkoj en Esperanto i. a. „Esprimo de sentoj en Esperanto", „Karlo" — populara lernolibro, originala dramo „Ginevra". Li estis kelkfoja prezidanto de UEA, redaktoro de ĝia oficiala organo dum 14 jaroj, nelacigebla, longjara vera gvidanto de la Esperanto movado.**

## NOVAĴOJ EL LA TUTA MONDO

*La rakonto „Atila-dia plago" de Petar Neznakomov, kiu aperis en „Nuntempa Bulgario" tradukita esperante de Iv. Esperov, estas retradukita de Bebe Sörensen en danan lingvon kaj aperigita en la tre popularan dana ĉiutaga ĵurnalo „Vendsyssel Tidende".*

* * *

*Nia kolego Antonije Sekelj, Kondina 24, Belgrado, Jugoslavio, frato de la famekonata esploristo kaj esperantisto Tibor Sekelj (gvidanto de la „Karavano de Amikeco") estas peranto de la artikoloj (kun fotoj), kiujn verkas lia frato surveje tra Afriko. En multaj landoj li trovis esperantistojn, kiuj akceptis ricevi, traduki kaj aperigi en siaj nacilingvaj gazetoj la artikolojn. S-ano Antonije Sekelj petas la membrojn de TEĴA, kiuj deziras ricevi de li similajn artikolojn kaj aperigi ilin en siaj landaj gazetoj kaj aliaj periodaĵoj, sendi siajn adresoj al la supreprezita adreso.*

* * *

*La sekcio de agrikulturaj kaj arbarkulturaj specialistoj ĉe Bulgara Esperantista Asocio serĉas kontakton kun agrikulturaj revuoj kaj ĵurnalistoj en ĉiuj lan... La celo estas interŝanĝi spertojn kaj sciencajn novaĵojn pri tiu fako. Skribu al: Ŝterjo Kukuŝev. ul. „Oboriŝte" 15, Peŝtera, Bulgario.*

* * *

*Mag. Roman Dobrzynski, Warszawa 44, Grochowska 142, Pollando, finas la ĵurnalisman fakon ĉe la Varsovia Universitato kaj laŭ konsento, esprimita tre favore flanke de la fakaŭtoritatoj de la Universitato, preparas sian diploman verkon pri la temo „La funkcioj de la Esperanta gazetaro."*

*S-ano Dobrzynski petas la membrojn de TEĴA helpi lin por prepari sian diploman laboron. Li atendas de ĉiuj fakuloj kaj kolegoj opiniojn, rekomendojn, konsilojn kaj gazetmaterialojn pri la menciita temo.*

---

*Membroj de T. E. Ĵ. A., senprokraste pagu vian membrokotizon por 1962! Malavare subtenu la fondaĵon „Internacia Ĵurnalisto"! Anoncu viajn korektajn adresojn al la redakcio de "I. Ĵ"!*

# AL PLI VIGLA KUNLABORADO INTERĴURNALISTA

En „Nuntempa Bulgario" aperis antaŭnelonge recenzo pri „Internacia Ĵurnalisto". En ĝi oni montris la modelan laboron de nia reprezentanto A. V. Zedni[k] en Ĉehoslovakio. Okaze de tio s-no Zednik sendis leteron al „Nunt. Bulg." En ĝi li interalie skribas:

Pluraj miaj korespondantoj sin turnas al mi, petante mian helpon kaj kunlaboradon. Ilia deziro estas tre bona. Bedaŭrinde, pro troa superŝuteco, mi ne ĉiam povas kontentigi iliajn petojn. Mi siaflanke petas aliajn ĵurnalistojn bonvole helpi ilin en ilia redakta kaj traduka laboro. Ekzemple: J. Kurn, Merivälja 15—2, Tallin 21 Merivälja, Estona SSR, Sovetunio, sukcesis elsendi per la estona radio (en estonlingva traduko) du ĉeĥajn teatraĵetojn, senditajn de mi en Esperanto. Li petas plurajn tiajn kunlaboraĵojn, eĉ la estona radio mem petas pri tio. Estus dezirinde, ke ankaŭ aliaj kolegoj sendu similajn materialojn al la radio, rilatantajn al la nuntempa vivo de la laboristaro.

Lu Chin-cheng, Nordokcidenta Kolegio de Agrikulturo, Wukung, Shansi Ĉinio. Li serĉas por tieaj gazetoj aŭ regionaj tagĵurnaloj mallongajn beletristikajn materialojn-rakontojn (2000 ĝis 3000 vortoj) el la nuntempa vivo de la socialismaj landoj.

Nguyen van Nghinh, N-ro 80, Hang Quat, Hanoj, Vjetnamio — bezonas por tiea ĵurnalo romanon en franca lingvo, tradukitan el nacia lingvo pri la nuntempa vivo de la laboruloj.

---

**Pro pliĝustigo de la adresoj de la Teĵanoj la redakcio de „I. Ĵ." daŭrigos ilian aperigon en la sekvanta n-ro de la organo.**

**Gekolegoj, aktive kunlaboru al via organo „Internacia Ĵurnalisto"!**

## *ESTRARO DE T. E. Ĵ. A.*

*Prezidanto Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.*

*Sekretario-kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadalla (Padova), Italio.*

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

*Membroj: Tukaĉ Zeljko, Boškovičeva 24, Zagreb, Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Materjki 16/8, Wroclaw, Pollando.*

## *KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.*

*Ĉinio — Shi Si-wei ĵurnalista fako, Pekina Universitato, [Pek]ing.*

*Danlando — G. [illegible]epsen, Skovvangen 17, Silkeborg.*

*Rumanio — Stefan Freamat, strato Gabriel Peri 4, Bucuresti.*

*Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14 kv. 1 Moskva G-34 (nova adreso).*

*Vietnamio — Dao-anh kha, Nô Quôcte-nou Bv Viet-nam, Hanoj (via USSO).*

*Israelo — Oskar Berman, 6, Kikor Malchaj Israel, Tel Aviv (nova adreso).*

*Svedio — Karen Salmose, Sundberg Girimstagaton 59, 1 tr. Vällingby, Stokholm.*

*Hindio — Suderio Butteno, Alaski Plots, Avola (Vidarbha).*

*Indonezio — Ch. Sj Datoe Toemenggueng, Pintu Besi 39, Djakarta.*

---

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*